## Redaktora babilo

Oni demandis min: je kiuj datoj aperos la venontaj numeroj de IF? Tre malfacila demando, ĉar:

Kiom da materialo ekzistas je la dato de 'redaktofino'? Sekve, kiom estu tuj serĉenda aŭ verkenda? Ĉu la presisto kaj bindigisto havas lokon en sia produktado? Kiom longe daŭras la sendado, ĉu poŝta ĉu deĵora?

Tiu ĉi numero ege malfruas, kion mi ege bedaŭras, sed mi devis atendi certan materialon.

Nu, legu pri la venontjara IFEF-kongreso, legu la protokolon de la ĉijara kongreso en Cervia (se vi pensas, ke ĝi estas nur por la gvidantoj, vi malpravas - ĝi estas por ĉiu membro, ĉar ju pli mallonga estas la distanco inter membroj kaj gvidantaro, des pli efike povas labori la organizaĵo), nepre legu la resumon de la jarraportoj de niaj landaj asocioj. Ĝi spegulas nian vizaĝon, kaj kiu ne deziras prezenti al la mondo plejeble pozitivan aspekton? Dum la legado pripensu do: ĉu mi povas plibonigi mian lingvonivelon, ĉu mi povas varbi unu-du membrojn, ĉu mi povas pendigi pli da afiŝoj, disdoni pli da informiloj, partopreni pli da aranĝoj - entute ĉu mi povas helpi iomete pli ol nun? Kaj post pripenso: agu!

IFEF eliris la anonimecon. Ni nun devas pruvi, ke Esperanto taŭgas por faka aplikado. Ni scias, ke jes. Sed sciigi al la aliaj kostas laboron.

Red

## Adopta Fonduso de IFEF

Pasis kelka tempo depost nia lastpasinta mencio de la Adopta Fonduso.

Memoru, ke ĝi daŭre ekzistas, kaj ke ĝi estas pli aktuala ol iam ajn antaŭe.

La ekonomia situacio ne pliboniĝis en kelkaj landoj, kaj vi, kiu ĉiutage senprobleme iras al via deĵoro, manĝas bone kaj vivas sekure en ĉiuj manieroj, vi aprecu tion kaj konsciu, ke tio por multaj el niaj kolegoj-samideanoj ne estas same memkomprenebla. Kaj konservi la idealismon, la instigon labori por celo ne tuj atingebla povas esti ekstra ŝarĝo, se la ekonomio malprogresas.

Tial estas grave por la plua evoluo de nia laboro, ke ni povas helpi, ekz pere de Adopta Fonduso.

Jen kelkaj informoj pri la ĝisnuna uzo kaj la nuna stato de la Fonduso:

| | |
|---|---|
| kontribuoj 1992 | 7812,28 |
| uzo 1992 | 3312,60 |
| saldo 1.1.1993 | 4499,68 |
| kontribuoj 1993 | 802,00 |
| antaŭviditaj uzoj 1993 | 3700,00 |
| restos por 1994 | 1601,68 |

Trovu mem la plej simplan manieron kontribui al Adopta Fonduso de IFEF, sed memoru, ke bankelspezoj estas terure altaj. Antaŭdankon.

Kasisto

**Frontpaĝo:** Gvidantaro de Rumana Esperanto-Fervojista Asocio - de maldekstre inĝ. Mihai STEFAN, prezidanto de REFA, ĝen dir Ioan Virgil LEANCU, honora prez de REFA kaj Ioan TEREŜNEU, vicprezidanto de REFA - fotitaj en Helsingør (DK) dum la Nordia Fervojista Esperanto-Kunveno.

## Enhavo:

## 46a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)




13a-20a de majo 1994
KREMS a d Donau, Aŭstrio

Adreso: 46a IFEF-kongreso, Postfach 194, A-3101 ST.PÖLTEN, Aŭstrio

Bankkonto: Bank Austria, Filiale Tulln, kto n-ro 467 567 400 BLZ: 20151

Poŝtkonto: PSK A-1018 Wien, kto n-ro 92.017.630 BLZ: 60000

## Modernaj fervojoj - Komuna Eŭropo

### Novaj impulsoj - ESPERANTO

Jen bonŝanco! La unuan fojon en la historio de la liglando Malsupra Aŭstrio (Niederösterreich) okazos tie eminenta internacia Esperanto-aranĝo. LKK elektis tiun ĉedanuban lokon pro la fakto, ke ĝi situas meze de historie riĉa kaj vere belega regiono, nomata "Wahau-Nibelungengau" [vaĥaŭ-nibelungengaŭ]. En tiu regiono KREMS sendube estas urbo unika: loĝantaro de 23.100 gastama kaj afabla, urbaj instancoj ĝentilaj kaj helpemaj, konforma infrastrukturo por nia kongreso - do nepre akceptinda.

KREMS festos en 1995 sian miljariĝon, kaj tiele nia kongreso estos impona inaŭgura evento. La kongreso disvolviĝos en moderne ekipitaj salonoj, ligitaj al foiro/hotelo kun restoracio kaj memservejo. Rilate la fizikan vivtenadon atendas la kongresanojn tipaj, bongustaj manĝaĵoj kaj vino mondfama. La tuta regiono ja estas kvazaŭ vasta 'vinĝardeno'! Pluraj diverskategoriaj hoteloj, gastejoj, restoracioj, vinejoj kaj apartaj vinkeloj troviĝas dise en la urboj piede atingeblaj.

Kompreneble ankaŭ la cetera ĉirkaŭaĵo estas prezentinda kaj LKK elektis ekskursojn al plej elstaraj, pitoreskaj lokoj.

Bonvolu relegi la informojn en IF 1993.4 paĝoj 61+62.

LKK/M.Stuppnig

## Direktivo 440

La Eŭropa Komunumo (EK) eldonis antaŭnelonge la direktivon 440. Tiu ĉi nomiĝas "Evoluo de fervojaj entreprenoj de la Eŭropa Komunumo" kaj celas al reformo de fervoja strukturo. Precipe temas pri kvar centraj decidoj:

- Naciaj fervojoj estos transformataj en sendependajn entreprenojn.
- Minimume la kontado de fervojoj estos dividata en branĉoj itinero kaj transporto; maksimume estos fondataj memstaraj akciaj kompanioj por pasaĝertrafiko, vartrafiko kaj itinero.
- La membroŝtatoj de EK devas ebligi al la fervojoj agadon sur finance reordigita bazo reduktante respektive transprenante antaŭajn ŝuldojn.
- La naciaj fervojretoj estos malfermataj al internaciaj grupiĝoj - minimume du fervojaj entreprenoj - por akceli konkurencon. Tio antaŭkondiĉas forigon de certaj malavantaĝoj, ekzemple diferencaj itinerokostoj de konkurencaj transportentreprenoj.

Kompil. el "Blaupunkt Bahn" 6/93 de W.Barnickel (D)

## Protokolo de la kunsido Estraro – Komitato (publika)

en la 45a IFEF-kongreso en Cervia (I) – 09.06.1993

**Mallongigoj:**
Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, H.Pr = honora prezidanto, IF = Internacia Fervojisto, FAK = Fake Aplika Komisiono, TK = Terminara Komisiono, k-o = komitato, k-ano = komitatano, Ĉk = ĉefkomitatano, kk-ano = kromk-ano, k-go = kolego, l.s. = landa sekcio, l.a. = landa asocio (aŭtomobilkodoj).

Pr Engen bonvenigas kaj dankas la multajn ĉeestantojn. Li proponas kelkajn ŝanĝojn en la tagordo. La k-o konsentas.

1. **Malfermo, konstato mandatoj**
La Sk alvokas la rajtigitojn.

| **Landoj** | | **Komitatanoj** |
|---|---|---|
| Aŭstrio | (A) | Leopold PATEK |
| Belgio | (B) | Lucien DE SUTTER |
| Britio | (GB) | Frank CURTIS |
| Bulgario | (BG) | Enjo K. ENEV (venas post punkto 9.5.) |
| Ĉeĥio | (CZ) | Ladislav KOVAŘ |
| Danio | (DK) | Jan NIEMANN |
| Francio | (F) | Jean ROLLAND |
| " | " | Denise HAPPI-FOSSO (post punkto 7.) |
| Germanio | (D) | Joachim GIEŜNER |
| " | " | Otto RÖSEMANN |
| " | " | Horst JAŜMANN |
| Hispanio | (E) | José MOLINA |
| Hungario | (H) | Jozsef HALÁSZ |
| Italio | (I) | Germano GIMELLI |
| Jugoslavio | (YU) | Gvozden SREDIĆ |
| Kroatio | (HR) | Marica BRLETIĆ (post punkto 6) |
| Nederlando | (NL) | Jan BULTMAN |
| Norvegio | (N) | Rolf BERGH |
| Pollando | (PL) | Maria FEDOROWICZ (post punkto 9.5) |
| Rumanio | (RO) | Emil TUDORACHE |
| Slovakio | (SQ) | Magdalena FEIFIĈOVÁ |
| Slovenio | (SLO) | Milivoje MARAŜEVIĆ |
| Svislando | (CH) | Ernst GLÄTTLI |

| **Taskoj** | **Kromkomitatanoj** |
|---|---|
| TK | – |
| FAK | – |

Komence ĉeestas 19 k-anoj/kk-anoj, poste venas HR, F, BG, PL. Fine entute 23 voĉdonrajtuloj.

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**
La Sk legas la nomojn de sendintoj de bondeziroj kaj salutleteroj:
s-roj Willem VAN LEEUWEN (NL), d-ro István BÁCSKAI (H), Willi BRANDENBURG (D):

3. **Honorigo de la mortintoj**
Niaj mortintoj dum 1992 (kaj komence de 1993), honorigitaj per legado de la nomoj kaj silenta starigado. Ke ili ripozu pace:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio: | Johann BÜRGER | 95 | (92.08.04) | IFEF-H.M. |
| Ĉehio: | Emil JINDRICH | 66 | (92.12.29) | |
| Finnlando: | Mauno OKSALA | 92 | (92.06.28) | |
| Francio: | Louis ENIZAN | 75 | (92.07.01) | |
| | Paul WILLOT | 87 | (92.11. ) | |
| | Hélène MOUSSET | 79 | (92.02.13) | |
| Germanio: | Gustav STÖSSLEIN | 80 | (92.01.22) | |
| | Paul STEINING | 85 | (92.01.24) | iama GEFA-Rd |
| Italio: | Gian Leone DEGLI ESPOSTI | 79 | (91.03.11) | |
| | Spartaco Fulvio TARLINDANO | 75 | (92.08.09) | |
| Japanio: | Zensuke KUSUDA | | (93.01.18) | JELF-fondinto |
| Jugoslavio: | Dragutin BUHA | 85 | (93.01.02) | |
| Kroatio: | Dragutin GUBIJAN | 69 | (93. ) | |
| Nederlando: | Adriaan Cornelis MOERMAN | 92 | (92.06.11) | |
| | Willem GELDERMAN | 96 | (92.08.11) | |
| | Elisabeth BURGLER-JESZO | | (93. ) | iama IFEF-Rd |
| Slovenio: | Ines TEMENŜ | | (93. ) | |
| Svedio: | Bertil BENGTSSON | 75 | (93.01.25) | |
| Svisio: | Hans NOLL | 89 | (92.09.03) | iama SAEF-Ks |
| | Hermann SCHMUTZ | 98 | (93.03.18) | |
| | Gérard KELLER | | (92.12. ) | |

4. **Novaj Landaj Asocioj**
La k-o voĉdonas por akcepti kiel l.a. CZ, SQ kaj SLO. Ili estas unuanime akceptitaj kun aplaŭdo.

5. **Raportoj estraraj**
5.1 **Sekretario** (IF 2/93, paĝo 25a)
Unuanime aprobita.
5.2 **Redaktoro** (IF 2/93, paĝo 27a)
Unuanime aprobita.
5.3 **Kasisto, konfirmo de kasraporto** (IF 2/93, paĝo 28a)
La Ks korektas la liston Membrostaton: 1993 estu 1991.
Raporto unuanime aprobita.

6. **Protokolo Münster** (IF 5/92, paĝo 62a)
Protokolo unuanime aprobita.

7.+ 10. **Unuigo de la komisionoj TK kaj FAK** (IF 3/93, paĝo 37a)
La Pr atentigas pri la proponitaj taskoj de inĝ. Kovař: oni devas legi "fake aplikaj aferoj" anstataŭ "fakprelegaj aferoj".
H.Pr Giessner aldonas klarigojn pri la celoj de la organiza ŝanĝo.
La k-o aprobas: 19 por, 1 sindeteno.
La Pr de la nova Komisiono (FK), d-ro Halász, dankas pro la fido kaj rekomendas al ĉiuj doni la necesan helpon en la laboro.
Per Engen aludas pri la necesaj ŝanĝoj en la IFEF-Statuto, kiuj bezonos proponon. La H.Pr

Giessner akceptas la taskon pri tio.

8. **Raporto ĉefkomitatano**

Ĉk De Sutter raportas pri la pasinta agadperiodo. Li povas rimarki ke preskaŭ ĉiuj l.a. respondis al la cirkulero. Li partoprenis en du estrarkunvenoj: Bologna (I), Györ (H) kaj en la 40a jubilea kunveno de FISAIC en Millau (F). Li ofte kaj bonorde havis rilatojn kaj korespondis kun la e-o kaj kun la k-anoj. Raporto unuanime aprobita.

9. **Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj**

9.1 **Terminara Komisiono (IF 4/92, paĝo 55a)**

Inĝ. Halász detale aldonas informojn kaj klarigojn, ĉefe pri la enkonduko, samrajte, de Esperanto inter la lingvoj uzitaj de UIC. Raporto unuanime aprobita kun aplaŭdo.

La Pr informas ke la mendo de la "CD"-diskedoj kun la datenoj estos favorata per pruntedono de mono flanke de GEFA. La asembleo aplaŭdas.

9.2 **Fake Aplika Komisiono** (IF 4/92, paĝo 59a)

Inĝ. Kovař aldonas klarigojn kaj memoras la grandan agadon de inĝ. Petr CHRDLE. La asembleo aplaŭdas pri ties laboro.

La Pr substrekas la bonajn rezultojn de la FAK, kiu sukcesis aperigi "Fervojfakaj Kajeroj"-n n-ro 2, ĉefe danke al inĝ. Kovař kaj al la praktika laboro de s-ino Erna Hauge. Raporto unuanime aprobita kun aplaŭdo.

9.3 **Komisiito por Skisemajnoj** (IF 2/93, paĝo 30a)

K-go Niemann informas pri la sukcesinta lasta 34a IFES en Hasliberg (CH). Raporto unuanime aprobita.

9.4 **Koresponda Fervoja Servo** (IF 3/92, paĝo 37a)

La komisiito Gimelli raportas pri granda nombro de leteroj (110 el 19 landoj) kaj de korespondemuloj, kies adresoj nun estas en komputila listo. Raporto unuanime aprobita.

9.5 **Komitatano "A" de UEA**

Vp Gulyás raportas pri la 77a UK Vieno (A) kie estis organizita faka kunveno kun sufiĉe multnombra partopreno (82 homoj el 15 landoj) kun 3 prelegoj (Huber, Patay, Gulyás). Li informas ankaŭ pri la kunveno dum la UK Valencio.

K-go Patek (A) aldone rakontas pri la kunveno en Vieno kaj pri la malfacilaĵoj. K-go Patay (H) substrekas la grandan laboron de la aŭstraj fervojistoj, kiuj vere decide kontribuis al la sukceso de la UK.

Raporto unuanime aprobita.

11. **Resumo pri la situacio en kelkaj landoj**

Vp Gulyás detale kaj amplekse resumas la situacion kaj la agadojn de la l.a. Li tamen denove devas substreki pri la "vekrio". Necesas labori por ke ĉesu la malkresko kaj por venigi junulojn. Tiu raporto aperos aliloke en ĉi tiu numero de IF.

12. **Budĝeto 1992 kaj kotizkonfirmo**

La Pr montras al la budĝeto 1994 jam disdonita al ĉiuj k-anoj.

La Ks traktas pri la ne kontentiga ekonomia situacio en diversaj landoj, pri kiuj iel efikas la "adopta fonduso". Li konsilas uzi la poŝtajn ĝirkontojn anstataŭ la bankajn pro la altaj bankelspezoj.

Budĝeto unuanime aprobita.

13. Nuligita.

14. **Diskuto agadplano** (IF 3/93, paĝo 36a)

La Pr prezentas la agadplanon laŭ la indikoj en Münster kaj petas la k-on esprimi sin ĉu la laborgrupo kaj la e-o daŭrigu la laboron, ĉefe adaptante la demandilon de la jarraporto al la nova agadplano.

K-go Jakobs (B) proponas trakti la temon dum "Movadaj aferoj", vendrede posttagmeze. La Pr akceptas lasi la diskuton por la punkto 18.

K-ano Glättli (CH) timas ke el nova plano venos tro da laboro por la k-anoj resp. e-anoj.

Per Engen klarigas pri la celoj havi "celojn". Multaj el tiuj jam estas tre similaj al la punkto de la cirkulero por la jarraporto. Certe ne venos tro da nova ŝarĝo; espereble venos rezultoj. Li petas eksperimenton por 1 jaro.

Ĉk De Sutter estas favora kaj konsilas ne atendi la cirkuleron por respondi al ĝi.

La voĉdonado pri la plano montras 22 por kaj 1 sindeteno.

15. **Rilatoj al aliaj organizoj**

15.1 **UEA**

La Vp pritraktas temon jam tuŝitan en la nepublika kunsido t.e. ke UEA praktike neglektas nian fakan agadon. Tio estas eĉ pli malagrabla ĉar oficiale IFEF estas la plej aktiva faka kategorio, sed fakte neniu subteno aŭ rekono venas de UEA. Ĉe UEA estas respondeculo pri la landaj asocioj sed ne plu por la fakaj. Vp skribis leteron al prof. Wells, ĝis nun senresponde, kaj li levos la problemon en Valencio.

La Ŝk priskribas la situaciojn pri la peto de la salono en Valencio kaj la anoncita tranĉado de la indikoj en la Jarlibro. Li mencias protestleteron ankaŭ flanke de alia organizo (ILEI). Ĉetere IFEF pagas al UEA jaran kotizon.

H.Pr Giessner proponas ke en la protesto estu menciite ke la tuta kongreso subtenas tion.

Ankaŭ k-ano Gimelli subtenas firman proteston pro la UEA-metodoj.

Raporto unuanime aprobita.

15.2 **FISAIC**

Pr substrekas la bonegan situacion en FISAIC kie provizore oni uzas Esperanton kiel trian laborlingvon laŭ la propono de s-ro Marcel TRUEL (F), la nuna Ĝen. Sekr.

La Sk kaj la k-ano de I ĝojas pri la nunaj bonaj cirkonstancoj, kiuj estas en I post la partopreno de funkciulo el Romo en Millau kaj sekve en Cervia.

Raporto unuanime aprobita.

16. **Venontaj kongresoj**

16.1 **Konfirmo invito al la 46a IFK (A) 1994**

Unuanima aprobo pri la elekto de Krems (A) (13-20.05.1994).

16.2 **Elekto de lando por 1995**

Vp Gulyás invitis al H por 1996, jaro de monda ekspozicio, sed neniu alia l.a. estas preta por 1995. Pro tio H povas inviti en Pécs por 1995. La k-o unuanime aprobas la provizoran inviton.

16.3 **Diskuto pri pluraj eblecoj**

K-ano Bultman invitas provizore al NL, Hago, por 1996. La k-o unuanime aprobas la provizoran inviton.

17. **Internaciaj skisemajnoj 1994 kaj 1995**

Komisiito Niemann klarigas la kondiĉojn, prezojn (ĉ. 20 USD por ½ pensiono), ktp kaj varme invitas al la 35a IFES, en Poiana Brasov (RO).

La k-o unuanime aprobas. Por 1995 ankoraŭ ne estas propono.

18. **Eventualaĵoj**
La Pr revenas al la agadplano kaj la k-o findecidas ke oni retraktu tiun temon en la forumo "Movadaj aferoj", vendredon la 11an, 16,30 h. Li varme invitas la ĉeestantojn partopreni en ĝi.
La H.Pr laŭdas la detalajn jarraportojn, kiuj certe estas bona bazo por la daŭrigo de la IFEF-historio, kiun li intencas ĝisdatigi. Li ankaŭ proponas kasedojn pri koncertoj kaj invitas partopreni en la oktobra GEFA-kunveno en Titisee.
La Vp atentigas pri la fervojista kontaktkunveno en Valencio, petante helpon kaj partoprenon flanke de hispana l.a. & k-goj sinanoncas.
IFEF havas novan flageton por prezentado kaj donacado dum oficialaj okazoj. Por la provizado agis la itala l.a. IFEA, kiu kun la LKK aranĝis por mendo de pli alta nombro da ekzempleroj, por donace distribui unu el ili al ĉiuj l.a. por montri unuecan bildon. La gesto estas aprecata kaj ricevas dankojn kaj aplaŭdon.

19. **Libera diskutado**
Ne estas peto pri tio.

Fine de la traktindaĵoj, Pr Engen fermas la kunvenon, dankante ĉiujn pro la atento kaj kontribuo.

Bologna, 24.06.1993 (tamen ricevita ĉe la redakcio nur 17.09.1993!)

Protokolis Sk Romano BOLOGNESI

## Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 1992

Surbaze de la demandilo la landaj asocioj preparis la jarraportojn pri la jaro 1992. Tiu ĉi resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar Bulgario ne sendis ĝin. Ekzamenante la indikojn de bulgaraj fervojistoj je 1991, mi konstatis, ke sen la indikoj de Bulgario la resumo kaj la konkludo estas karakterizaj kaj realaj por IFEF.

La ricevitaj unuopaj jarraportoj de la landaj asocioj ampleksas inter unu kaj sep paĝoj. La raportoj el Belgio, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Germanio DB, Hungario, Italio, Slovakio kaj Svisio estas ekzemplodone ampleksaj.

En la raporto ankoraŭ mi uzas 'Germanio DB' kaj 'Germanio DR', ĉar la du germanaj asocioj nur la 1an de januaro en la nuna jaro kuniĝis.

1. **La landaj asocioj**
Ĉiu landa asocio havas estraron. La nombro de estraranoj varias inter tri kaj dek unu membroj.

La membraro de la landaj asocioj nombras 3987, kio estas 854 malpli ol dum la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 1673 IFEF-membroj, kaj tio estas 266 membroj malpli ol dum la antaŭa jaro. El la membraro de IFEF estas 1035 emerituloj, kio estas 62 procentoj, 2 procentoj malpli ol dum la antaŭa jaro. La membro-nombro de la emerituloj varias inter 4% (Pollando) kaj 85% (Nederlando). La nombro de emerituloj super 50 procentoj estas en 14 landoj.

La malpliiĝo de la membro-nombro de IFEF kaj la nombroj de la emerituloj montras al ni, ke ni flue havas problemojn en la Esperanto-movado kaj ne venas la gejunuloj al IFEF. Mi scias, ke tiu tendenco ekzistas en la tuta Esperanto-movado, en la kadro de UEA kaj aliaj Esperanto-organizaĵoj. La ekonomia krizo en la tuta mondo, la rapidaj ŝanĝoj en la fervojaj organizoj, la privatigoj de la retoj, malkresko de la nombro de fervojistoj ktp. ne helpas al nia agado.

Pro tio mi estas maltrankvila, kaj mi op-

inias, ke en mia resuma jarraporto pri 1991 mi ne uzis senmotive la akran esprimon: Ve-krio.

Ni devas kune labori, por ke la gejunuloj volonte venu al ni kaj ni bezonas serĉi tiujn eblecojn, programojn kie ili sentas sin bone kaj gaje. Ili povas sperti la utilon de la lingvo Esperanto! Do la plej grava tasko estas tio!

Laŭ la raportoj en 19 landoj troviĝas 110 lokaj grupoj, dek kvar grupoj malpli ol dum la antaŭa jaro.

2. **Landaj organoj**
**Kontakto kun IF-redakcio**
15 landaj asocioj havas propran organon. Inter ili Danio dek du-foje, Francio kaj Nederlando dek unu-foje, Ĉinio sep-foje, Aŭstrio, Britio kaj Hispanio ses-foje, Germanio DB kvin-foje, Hungario, Italio, Japanio, Jugoslavio, Norvegio kaj Svisio kvar-foje, Germanio DR du-foje aperigas ĝin. Ok landaj asocioj ne eldonas propran periodaĵon. La totala amplekso de tiuj periodaĵoj nombras proksimume 700 paĝojn.

Britio, Danio, Hungario kaj Nederlando aperigas propran organon pure en Esperanto.

Laŭ la raportoj la landaj asocioj en 9 landoj havas spacon en aliaj organoj aperigi artikolojn entute proksimume sur 100 paĝoj.

Ĉiu landa asocio – escepte de Kroatio – havas respondeculon pri kontakto kun la IF-redakcio.

3. **Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj**
Britio, Finnlando kaj Japanio raportas, ke ili ne havas rilatojn al fervojaj administracioj. 13 landaj asocioj ricevas aŭ financan apogon, aŭ aliajn helpojn, ekz. senpagan ejon por klubkunvenoj.

La klarigoj de la oficialaj fervojaj horarlibroj aperas ankaŭ en Esperanto en Ĉeĥio, Danio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio, Pollando kaj Slovakio.

En Hispanio la landa asocio pritraktis kun la fervoja estraro, kiu promesis Esperanto-klarigon en la horarlibro, okaze de Olimpikaj Ludoj, Expo-92 kaj aliaj eventoj, sed finfine ne faris tion. La hispana landa asocio denove proponis la aperigon, sed ankoraŭ ne ricevis respondon. Ankaŭ en Rumanio kaj Svislando oni klopodas akiri la aperigon de la Esperanto-klarigo, kaj mi esperas, ke ili baldaŭ sukcesos.

Laŭ la raportoj 14 landaj asocioj havas bonajn rilatojn al FISAIC-organizaĵo. El ili 12 landaj asocioj raportas pri financa kaj alia subteno de FISAIC, kaj en 10 landoj havas funkciojn ĉe la landa organizaĵo de FISAIC kiel estraranoj aŭ aliaj funkciuloj.

Ĉi tie mi mencias, ke en 1992 FISAIC festis sian 40jaran jubileon de sia ekzisto. En la komenco de oktobro okazis en franca urbo Millau la ĝenerala kunsido de FISAIC, kaj tie la delegitoj akceptis la Esperanto-lingvon kiel trian oficialan lingvon de FISAIC. La uzado de Esperanto en Millau estis por ĉiuj partoprenintoj pruvkapablo de la utiligo de nia lingvo.

Dek landaj asocioj havas rilaton kun la landaj sindikatoj. El ili Aŭstrio, Ĉinio, Germanio DB, Hungario, Norvegio kaj Svislando raportas pri modesta subvencio de la sindikatoj.

Dek kvar landaj asocioj kunlaboras kun la libertempaj, sportaj, kulturaj, artaj, turismaj, radioamatoraj kaj filatelistaj organizaĵoj por fervojistoj.

Aŭstrio, Ĉinio, Francio, Italio kaj Norvegio havas rilatojn al nefervojistaj organizaĵoj, ekz. al poŝtistoj, verduloj, pacemuloj, naturamikoj, instruistoj kaj medicinistoj.

4. **Kunlaboro – Rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj**
Dudek landaj asocioj havas rilaton kun UEA, ses landoj kun SAT, inter ili Belgio kaj Nederlando raportas pri tre bona kunlaboro.

Laŭ la raportoj 14 landaj asocioj havas bonajn kontaktojn, ekzemple kun landaj Esperanto-asocioj, Esperanto-institutoj, najbaraj IFEF-asocioj, Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), Kristana Esperantista Ligo Internacia (KELI), Mondpaca Esperantista Movado (MEM), Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA), Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio (IPTEA), Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE), Internacia Esperanto-Muzeo (IEMW).

5. **Informado kaj varbado**

Dek kvin landaj asocioj raportas pri tio, ke ili instigis aperigi artikolojn en gazetoj. Inter ili Danio raportas pri 20 diversaj tagaj kaj semajnaj gazetoj, Germanio DB pri 12 gazetoj kun 58 artikoloj, Italio pri 10 gravaj gazetoj kun multnombraj artikoloj. Tiuj aperis ĉefe en fervojaj, plue en fakaj revuoj, multaj en lokaj tagaj gazetoj.

Laŭ la raportoj 15 landaj asocioj raportas pri la dissendo de priesperanta informmaterialo, plurfoliaj materialoj kaj afiŝoj. Inter ili la plej grandaj kvantoj pretiĝis en Italio, Francio, Germanio DB kaj Danio. La materialojn oni dissendis ĉefe al deĵorejoj, al vizitantoj okaze de ekspozicioj, al la institucioj kaj vojaĝagentejoj.

En 10 landoj okazis 46 fakprelegoj, plejparte pri la fervojaj novaĵoj, pri la ekskursoj, pri la IFEF- kaj UEA-kongresoj, pri la Fervoja Terminaro.

En 8 landoj okazis prezentaĵoj, sciigoj kaj intervjuoj en radioprogramo, plej multe en Hungario kaj Italio. Ankaŭ okazis prezentadoj en la programo de televido en Italio, Hungario kaj Norvegio.

En Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Germanio DB, Hungario, Italio kaj Norvegio entute en 14 urboj oni aranĝis 14 ekspoziciojn, kiujn vizitis ĉ. 20.000 interesiĝantoj.

Dek du landaj asocioj raportas pri aliaj metodoj por informi kaj varbi neesperantistojn. Tiuj okazas per murgazetoj en la stacidomoj, informkestoj en la deĵorejoj, anoncoj en gazetoj kaj ĵurnaloj, deĵoraj radioj, vojaĝagentejoj, informentreprenoj, deĵoraj neesperantistaj jarlibroj, afiŝoj, broŝuroj ktp.

6. **Kunvenoj, kursoj ktp.**

Ĉiuj landaj asocioj aranĝis estrarkunsidon – escepte de Finnlando kaj Estonio – kaj dum la kunsidoj partoprenis entute 134 personoj. La ĉefaj temoj de tiuj kunsidoj estis administraciaj, financaj, organizaj, movadaj kaj kongresaj aferoj.

Dum ĉiuj estrarkunsidoj pritraktis la ĉeestantoj la malpliiĝon de la membro-nombro, la maljuniĝon de la movado kaj ekzamenon de la eblecoj por junigi la fervojistan Esperanto-movadon.

En 15 landoj okazis entute 160 membrokunsidoj ĉe la fakgrupoj de la landaj asocioj, kaj ĉeestis entute ĉ. 3000 personoj.

En 12 landoj okazis memstara lingvokurso, entute 48 kursoj. Kunlabore kun nefervojistaj Esperanto-organizaĵoj okazis en 4 landoj entute 7 lingvokursoj. La nombro de la kursanoj entute estis 442. Ĉe la kursoj elstaris Francio kun 130 kursanoj, Italio kun 60 kursanoj, Pollando kaj Rumanio kun pli ol 40 kursanoj.

Aŭstrio, Francio, Germanio DB, Hispanio, Italio, Norvegio kaj Svislando raportas pri aliaj edukaj aktivecoj, ekz. pri konversaciaj rondoj, telekursoj, videofilmoj, muzikvesperoj, korespondaj kursoj.

16 landaj asocioj de IFEF aranĝis jarkunvenon kun entute 584 partoprenintoj. Inter ili partoprenis en Hungario 120 personoj, en Francio 105 personoj kaj en Pollando 81 ĉeestantoj. Dum ok jarkunvenoj partoprenis eksterlandanoj, entute 69 personoj. En kvin jarkunvenoj oni faris fakprelegojn, kaj okazis 7 ekskursoj.

Kvin landaj asocioj aranĝis en 1992 internacian fervojistan Esperanto-renkontiĝon. En ĉeĥa urbo Přerov okazis Printempa

Renkontiĝo kun partopreno el tri landoj. En Ĉinio okazis turista fervojista kunveno, kaj tie partoprenis el Japanio, el okcidenta kaj orienta Eŭropo. En Germanio DB okazis la 44a IFK kun 342 partoprenintoj el 22 landoj. Germanio DR aranĝis la IFEF-postkongreson en Harzmontaro, kie ĉeestis 28 personoj. En Slovakio okazis la 33a IFES en Vratna-valo kun 33 personoj el 7 landoj.

7. **Kongresa gazetara servo**
**Fakprelegoj dum la kongresoj**
15 landoj uzis la oficialan materialon de la gazetara servo de la IFK, ĉefe por verki raportojn al diversaj instancoj, por prelegi en la kluboj, por pretigi materialon al la landaj kaj fakaj organoj, por diskonigi inter la membroj de landaj asocioj.

La kongresajn fakajn prelegojn la landaj asocioj konstante bone povas uzi, kiel la materialon de la gazetara servo, eĉ multaj landaj asocioj tradukis tion al la nacilingvo kaj sendis al la fakaj nacilingvaj gazetoj.

8. **Junularo**
14 landaj asocioj raportas pri la gejunuloj, kiuj bedaŭrinde ne estas multnombraj. Entute la landaj asocioj havas 220 gejunulojn, 8 landoj ne havas gejunulojn, inter ili Germanio DB, Aŭstrio, Britio, Nederlando kaj Svislando.

En 1991 en sia membraro IFEF havis 517 gejunulojn sub la trideka vivjaro. Kompare la du indikoj montras grandegan malpliiĝon, kiu jam estas timiga por ni. Nur en Ĉinio ekzistas 2 memstaraj junulgrupoj.

Multaj landaj asocioj daŭre varbas, agitas, sed al la nuntempaj gejunuloj necesas speciale allogaj aferoj kaj eblecoj por ke ili sindediĉu al nia movado. Sed en la nuna ekonomia, socia kaj politika situacio ni ne povas trovi tion. Tamen la homoj ĉiam esperas, do ĉefe ni esperantistoj ankaŭ devas esperi, ĉar nia espereco estas la Esperanto.

Aŭstrio forte esperas, ke la 46a IFEF-kongreso - kiu okazos en Aŭstrio en Krems - certigos novajn rilatojn por varbadi la gejunulojn. Ni ĉiuj atendos la rezulton.

Do, nia ĉefa tasko estu serĉi kaj varbi la gejunulojn, fari propagandon pri Esperanto, kaj aranĝi allogajn malmultekostajn kongresojn, renkontiĝojn kaj programojn.

9. **Terminara kaj traduka laboro**
13 landaj asocioj raportas pri la terminara kaj traduka laboro. Tiuj estas:

**Aŭstrio**: Nur diversaj tradukoj pretiĝas por la 46a IFEF-kongreso.
**Ĉeĥio**: La terminara laboro estas preta, ankoraŭ oni diskutas pri kelkaj disput-problemoj. Ili pretigis la unuan numeron de Fakaj Kajeroj, kaj ili jam preparas la duan numeron.
**Ĉinio**: Ili kompilis la Fervojistan Terminaron, kaj planas eldoni ĝin. La landa asocio tradukas multajn fakajn artikolojn.
**Danio**: La terminara laboro en Danio estas "survoje".
**Germanio DB**: Por la LG V, ili
- kolektas novajn terminojn,
- difinas la terminojn.

En Germanio estas preta la Nacilingva Vortaro, kaj nun okazas la lasta kompleksa kontrolo (intertempe jam eldonita).
**Germanio DR**: Ili faras plurajn kontroladojn kaj finpreparadojn de Nacilingva Vortaro, kune kun Germanio DB.
**Hungario**: La hungara terminara komisiono seninterrompe laboras plu. Ili finis la tradukon de IFEF-terminaro al hungara lingvo, kaj ĝin aperigis en du volumoj: E-H kaj H-E. Ĉiuj landaj asocioj de IFEF kaj la kunlaborantoj ricevis ilin. Ili daŭrigas la preparlaboron de la difinvortaro kaj kolektas novajn fakajn esprimojn por kompletigi la UIC-vortaron.
**Italio**: La traduko de malneto de Itala Fervoja Terminareto estas finita. Ili esperas eldoni ĝin en 1993.
**Jugoslavio**: UIC-Leksikono estas tradukata en la serban lingvon, kaj ĝi aperos en 1993.
**Norvegio**: Ili daŭrigis la laboron, kaj aĉetis komputilon por tiu celo.
**Pollando**: La traduko de la Fervoja Termi-

naro al pola lingvo estas preta.

**Rumanio:** La landa asocio jam komencis traduki la Fervojan Terminaron.

**Slovakio:** La traduka laboro de la Fervoja Terminaro okazas malrapide, tamen progresas.

10. **Diversaĵoj**

**Aŭstrio:** 10 IFEF-membroj kunlaboris aktive dum la 77a UEA-kongreso en Vieno. Kiuj partoprenis dum la UK povis konstati, ke sen la fervojistaj helpantoj la kongreso ne estus sukcesinta.

Ili jam forte okupiĝas pri la preparo de la 46a IFEF-kongreso.

**Belgio:** Post dudek jaroj da klopodoj ili sukcesis havigi al la fervojistaj libertempaj asocioj propran libertempan centron en la stacidomo de Centra Bruselo.

**Britio:** La Esperanto-movado dekadencas.

**Ĉeĥio:** La landa asocio kunlaboras kun fervojista turisma agentejo. Pro malfacila ekonomia situacio malkreskas la intereso por Esperanto. Multaj esperantistoj fariĝis pasivaj membroj.

**Ĉinio:** La Esperanto-movado disvastiĝas rapide. Ili akiris rimarkindajn sukcesojn sur la tereno de kultura interŝanĝo, amikeca vizito kaj internacia turismo. Ili planis fondi la Ĉinan Fervojistan Esperanto-Asocion anstataŭe al la Unuiĝo de Fervojistaj Esperanto-Grupoj. Mi mencias, ke ĝi jam okazis en la 13a de marto 1993, kiam okazis la fond-kunveno. Tio estas grava evento en la historio de la fervojista Esperanto-movado.

**Danio:** La intereso lerni Esperanton ĝenerale kreskas. La membro-nombro de la landa asocio iom malkreskis, sed la aktiveco de la lokaj grupoj daŭre estas granda kaj vigla.

**Estonio:** La nuna situacio de la lando fakte bremsas la kulturan agadon. La Estona Fervojo havas krizon. Pro tio la Esperantomovado malforte agas. Ili esperas, ke la jaro 1993 estos pli afabla por la lando kaj homoj.

**Finnlando:** La situacio de la landa societo ne pliboniĝis. La Esperanto-Asocio de Finnlando jam komencis labori por la Universala Kongreso de Esperanto okazonta en la jaro 1995 en Tampere, al kio la fervojistoj donas helpon.

**Francio:** Ili efike partoprenis ĉiujn aranĝojn de la 40a datreveno de FISAIC, kaj ĉiuj paroladoj, protokoloj estis tradukitaj en Esperanto. Tio estis granda laboro, kaj donis grandan rezulton por la fervojistaj esperantistoj. Ni denove dankas tiun vere grandegan laboron al la francaj kolegoj.

**Germanio DB:** La ĝenerala Esperanto-movado en Germanio evidente iom stabiliĝas. Ili organizis krom la Germana Esperanto-Kongreso apartajn aranĝojn ĉefe por gejunuloj.

**Germanio DR:** La fakgrupo ekde la 1a de januaro 1993 ne plu ekzistas kiel memstara landa IFEF-sekcio, sed samtempe kiel GEFA eniras la novan tutlandan germanan IFEF-asocion.

**Hispanio:** La centro de asocio organizis kunvenojn por vigligi kaj impulsi la Esperanto-movadon. Ili kunlaboras kun Hispana Esperanto-Federacio por helpi la aranĝon de la 78a Universala Kongreso okazonta en Valencio en la kuranta jaro.

**Hungario:** La landa asocio ankoraŭ havas rezidejon ĉe la Ĝeneraldirekcio de MÁV, kaj senpage uzas tiun. Sep fakgrupoj havas ĝemelurbajn kontaktojn kun eksterlandaj fervojistaj Esperanto-grupoj. Dek fakgrupoj havas propran Esperanto-bibliotekon kun entute 3000 volumoj. Bedaŭrinde forte malpliiĝis la nombro de la membraro, malpliiĝis la aktiveco.

**Italio:** Okazis multaj pri- kaj poresperantaj manifestacioj, en kiuj la landa asocio de IFEF vigle agadis. Ekz. Eŭropa Esperanto-Kongreso en Verona, 80a datreveno de fondo de Esperanto-agado en Bologna, IFEF-estrarkunsido en Bologna. La membro-nombro iom kreskis. Ili multe laboris la antaŭpreparon de la 45a IFEF-kongreso.

**Japanio:** En Japanio estis fondita nova organizo por junuloj, kies membroj estas pli ol 120. La landa asocio de IFEF esperas, ke el ili kelkaj venos al la fervojo. En Ĉinio 2 japanaj fervojistoj partoprenis la 5an Pacifikan Kongreson de Esperanto, kaj okazis tie kontaktkunveno kun la ĉinaj fervojistoj, kiun partoprenis pli ol 20 fervojistoj.

**Jugoslavio:** La ĝenerala situacio ne estas

kontentiga pro la konataj cirkonstancoj. Krom tio la ekonomia situacio ankaŭ estas malbonega.La milito kaj la embargo malhelpas la evoluon de la movado.

**Kroatio:** La landa societo de IFEF funkcias nur en la ĉefurbo Zagreb. Ili planis skizon de Esperanto-propaganda plano ĉe Kroataj Fervojoj tra la tuta Respubliko Kroatio, kaj ili esperas kunlabori kun la landa organizaĵo de FISAIC. La milito kaj la rekonstruo de la lando okazigas financajn kaj ekonomiajn malfacilaĵojn, tamen la fervojistaj esperantistoj planas, laboras, agadas.

**Nederlando:** La Fervoja Rondo estas "dormanta klubo". Nur du personoj anoncis sin por lerni Esperanton. Mankas la gejunuloj.

**Norvegio:** La ĝenerala situacio ne grave ŝanĝiĝis, tamen la movada vivo estas vigla kaj fruktodona. La Norvega Fervojo kaj la fervojistaj sindikatoj donas al la landa asocio de IFEF financan kaj praktikan apogon.

**Pollando:** La Esperanto-movado en la lando kaj agado en la fervojistaj Esperanto-kluboj daŭre malkreskas. La ekonomia situacio estas tro malbona, kaj la homoj devas multe labori en la laborejo, pro kio ili ne havas tempon por Esperanto.

**Rumanio:** La malfacilaĵo de la vizo-devigo ne helpas la vojaĝon, kaj la fervojistaj esperantistoj ne povas konvinki la junulojn, ke Esperanto taŭgas por komunikiĝi kun eksterlandanoj. Dum la naciaj renkontiĝoj konstante oni parolas rumanan lingvon, kaj tio ne helpas plibonigi la Esperanto-parolnivelon. Tamen ili esperas, ke en 1993 la membro-nombro kreskas kaj la agado vigliĝas.

**Slovakio:** Situacio ŝajnas esti malpli favora por evoluo ol estis antaŭ la "revolucio". La homoj ne havas tempon por vere efika poresperanta laboro. Tamen la landa asocio ne rezignas, ili klopodas travivi tiun ĉi krizan tempon kaj ŝanĝi laborsistemon, por ke venu la progreso se ne tuj, almenaŭ en estonteco.

**Svislando:** Estas ĝenerala konstato, ke la gejunuloj mankas. Dum la lasta jaro la grupo "Junularo Esperantista Svislanda" ekfloris, kaj tiu afero jam povus doni esperon. La aranĝo de "Ĝaja Esperanto-Rondo Instruiteca" ankaŭ signifas plian eblecon varbi por Esperanto.

**11. Fina komentario**

En kelkaj landoj – ĉefe en la tielnomataj reform-landoj – malboniĝas la financa situacio pro la inflacio. La ekonomia krizo sentigas sian efikon en la tuta mondo, ĉefe en Eŭropo. Ŝanĝiĝas la fervojaj organizoj, pli malmultajn laboristojn bezonas la fervojoj. Ankoraŭ ĉeestas politikaj krizoj, eĉ militoj. Do tiuj malfacilaĵoj okazigas la problemojn, kaj tiuj eventoj kaj tendencoj ne helpas por Esperanto-movado. La membro-nombro de IFEF daŭre malkreskas, malgraŭ tio, ke la nombro de la asocioj kreskas (Kroatio, Slovakio, Estonio ktp).

Laŭ mia opinio – legante la raportojn de la landaj asocioj de IFEF – tamen en multaj landoj vigliĝas la Esperanto-agado, kaj ni havas multnombrajn pozitivajn rezultojn. Tiu fakto donu al ni esperon por la estonteco, kaj instigu nin je pli efika agado.

Budapest, la 1an de junio 1993

István Gulyás – vicprezidanto

## 35a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno (IFES)

Bonvolu relegi IF 1993.4 paĝo 61, sed atentu, ke la limdato por aliĝi estas prokrastita ĝis la **31a de decembro 1993.**

La organizantoj garantias, ke en februaro estos sufiĉe da neĝo, kaj la ekonomiaj kondiĉoj, precipe por okcidenteŭropanoj, estos tre favoraj. Krome ekzistas en la montaro kabanoj, kie eblos dumvoje de la skiado trinki kaj manĝi je malplia prezo ol en hotelo!

Ni ripetu la datojn: 05a-12a de februaro 1994
Aliĝadreso: Rumana Esperanto-Fervojista Asocio, Regionala CFR, str Politehnicii Nr 1, RO-2200 Braŝov, Rumanio. Necesaj informoj por aliĝi estas: familia nomo, individua nomo, naskiĝdato (virinoj eventuale laŭmemore), kaj kompleta adreso. ■

## Esperanto en la rumana fervoja horaro.

Ekde la 1994-eldono de la oficiala horaro de la rumanaj fervojoj SNCFR ĝi enhavos certajn klarigojn en Esperanto.

Tio estas unu el la plej gravaj novaĵoj de la jarkunveno de Rumana Esperanto-Fervojista Asocio (REFA), kiu okazis la 18an-19an de septembro en Poiana Braŝov. Cento da rumanaj kolegoj partoprenis plus hungara delegacio, ĉeĥa reprezentanto kaj la IFEF-estraro, -honora prezidanto, -ĉefkomitatano kaj -gvidanto de Faka Komisiono.

Tre ampleksan kaj imponan programon prezentis **REFA**, ne malplej al la IFEF-estraro, kiu alvenis jam ĵaŭdon vespere al **Predeal**, urbo proksima al Braŝov, kie dum la vendredo disvolviĝis estrarkunsido kun partopreno de Honora Prezidanto Giessner (parte) kaj ĉefkomitatano De Sutter. Pri kelkaj el la decidoj vi aŭdos aŭ legos poste, i a kiel kongresproponoj de la 46a IFK en Krems (A).

Vendredon vespere akceptis nin ĝenerala direktoro de SNCFR-regiono Braŝov, inĝ LEANCU Ioan Virgil, kaj aliaj eminentuloj.

Sabaton antaŭtagmeze ni per aŭtoĉaro veturis al **Poiana Braŝov** - kie okazos la 35a IFEF-skisemajno venontan februaron -, kaj en granda, bela salono de hotelo 'Sport' REFA okazigis sian jarkunvenon, kiu rezultigis reelekton de la estraro.

Posttagmeze la tuta taĉmento vizitis la kastelon **Bran**, kiu dum jarcentoj ludis gravan rolon kiel gardejon kaj defendejon ĉe la tiama limo. La kastelo famiĝis ankaŭ kiel sidejo de la kruela Dracul [drakul], pri kiu estas faritaj pluraj vampiraj fantazifilmoj.

Dum la vespero okazis festeno en Braŝov kun prezento de rumanaj kaj esperantaj kantoj fare de eminenta fervojista ĥoro. Ĝis malfrua vespero ni dancis - eĉ okazis danckonkurso - kaj amuziĝis.

Dimanĉon matene la IFEF-estraro iris norden por rigardi la riĉajn kulturtrezorojn de **Moldovo**, kaj la ceteraj iris al la proksimeco de **Sibiu** por ripozi, vidi popoldancojn, grandmanĝi kaj danci ĝis la 2a matene laŭ muziko, kiu estis same bone aŭdebla - aŭ eĉ pli, ĉar pli agrable? - ekster la domo kiel interne. Folkloro en sia ĉiutaga, vivkonfirma, ĝojon alportanta konsisto.

Rumanio vere ŝajnas sur bona vojo al forta Esperanto-movado inter fervojistoj, kaj decidiga afero povos esti, ke sufiĉe multaj altranguloj aŭ rekte partoprenas la laboron aŭ diversmaniere apogas ĝin.

Legu aliloke pri la IFEF-skisemajno en Rumanio kaj rekonsideru vian eblecon partopreni, ĉar la limdato de aliĝo estas ŝovita al la 31a de decembro.

REFA meritas subtenon.

eho

## La 78a Universala Kongreso de Esperanto

En la hejmo de la sunbrilo kaj la oranĝoj renkontiĝis esperantistoj el la tuta mondo. La 78a Universala Kongreso de Esperanto en la nuna jaro okazis en hispana urbo, Valencio, inter la 24a kaj 31a de julio. En la kongreso partoprenis pli ol 1800 esperantistoj el 63 landoj.

Kiam ni alvenis al la ĉefa stacidomo de Valencio, ni ne vidis Esperanto-flagojn aŭ informejon, nur turisman oficejon. Tie la oficistino sciis nenion pri la kongreso. Ni uzis taksion por akiri la kongresejon, kaj antaŭ la kongresejo, eĉ sur ĝi, ne estis flagetoj aŭ afiŝoj. Tiu afero ne estis bona propagando por Esperanto.

La kongresa temo estis: Klerigo por la 21a jarcento. Dum la inaŭguro d-ro Charters reliefigis en sia parolado la gravecon de nova aliro al la demando pri klerigo por la nova jarmilo, kiu permesus ke la novaj generacioj rompu la barilojn de la tradiciaj instruoj kaj

eklernu mem pensi pri la vojo, kiu kondukos al unueco de la homaro, forĵetante la antaŭjuĝojn, kiuj naskas konfliktojn kaj malpermesas la progreson. La esperantistoj mem devas konscii ke necesas ne nur influi la mondpenson favore al Esperanto, sed maturigi la kondiĉojn, kiuj permesos la alprenon de tiu solvo de la problemo de internacia komunikado. Dum la semajno de la UK, oni sisteme pritraktis la temon per serio de prelegoj, podiaj diskutoj kaj partoprenigaj diskutrondoj. En la kadro de la Tago de la Lernejo la ĉeestintoj enfokusigis kaj disvolvis diversajn aspektojn de la temo kaj ili iniciatis la pritrakton de la kleriga rolo de Esperanto. Dum la Tago de la Paco oni pritraktis la ideon ke pacedukado estas esenca elemento en la klerigado, ke la nova generacio estu preparita respondi al la defioj de la 21a jarcento. La ĉeftemo okazigis inter la kongresanoj plej grandan interesiĝon.

La komitato de UEA akceptis bazajn principojn por redakti novan regularon pri delegita reto. Laŭ ili la delegitojn oni nomumos por trijara periodo kaj kondiĉo por la daŭrigo de delegiteco estos bona plenumo de la taskoj. Aparte strikte oni kontrolos la kvalifikojn de la fakaj delegitoj.

La komitato donis multajn ideojn, ofte sufiĉe malsamajn, por redakti gvidliniojn pri la lingvo-politiko de UEA. Oni celis pliklarigi la sintenon de UEA rilate la rolon de la Akademio de Esperanto, same rilate la estontecon de Plena Ilustrita Vortaro. Oni nuligis la nunan regularon de la Terminologia Esperanto-Centro, kaj nomumis komisionon por prizorgi la rilatojn de TEC kun ekstermovadaj terminologiaj instancoj, ĝis la agado de TEC estos reorganizita laŭ nova maniero.

Rilate la agadon ĉefe en Eŭropo, la komitato instigis al plurlanda kaj plurfaka kunlaboro.

Fine la komitato detale pritraktis la pasintan jaran laboron de la estraro, kaj de la komisionoj, kaj donis kelkajn kritikajn rimarkojn. Interalie la vicprezidanto de IFEF riproĉis, ke la estraro de UEA ne havas respondeculon por la faka agado. La sekretario de UEA klarigis la "kaŭzon", kaj la prezidanto de UEA promesis nomumi fakan respondeculon el la estraranoj.

**Fervojista Kontaktkunveno**

Diversaj fakaj kunsidoj, kunvenoj bone kompletigis la kongresan laboron. El inter tiuj por ni fervojistoj estis la plej grava kaj tradicia la Fervojista Kontaktkunveno. Tie partoprenis 35 gekolegoj el 14 landoj. Bedaŭrinde nur du hispanaj fervojistoj venis al la kunveno, sed estis por ni grava evento, ke ĉeestis s-ro John Wells, la prezidanto de UEA. Inĝ. István Gulyás, vicprezidanto de IFEF, gvidis la kunsidon, kaj raportis pri la IFEF-aranĝoj, inter ili pri la 45a IFEF-kongreso okazinta en Cervia. Poste sekvis du fakprelegoj: unue d-ro Imre Ferenczy, prezidanto de UMEA, konigis la organizadon de la fervojsanitara servo en Eŭropo, kaj parolis pri la diverstipaj malsanoj inter la fervojistoj; due István Gulyás prelegis pri la atingitaj rezultoj por forigi aŭ redukti la fervojan bruon. S-ro Wells per kelkaj vortoj salutis la ĉeestantojn, kaj emfazis la fervojfakan laboron en la kadro de UEA. I.Gulyás denove petis s-ron Wells nomumi respondeculon el la UEA-estraro, kiu helpu la fakan agadon en nia movado. La prezidanto promesis tion. Poste okazis vigla diskuto kaj babilado pri la fervojista movado: zorgado pri la junularo, pri la venontjara IFEF-kongreso en Aŭstrio, pri la aliĝo de la nefervojistaj esperantistoj al IFEF, ktp. Ĉiuj partoprenantoj opiniis pri tio, ke la fervojista kunveno donis ne nur amikajn kontaktojn por la ĉeestantoj, sed ankaŭ vere fakajn informojn.

En mia raporto mi ne parolis pri la brila kaj varmega vetero dum la tuta kongresa semajno, pri la gastemaj kaj helpemaj hispanaj geamikoj, pri la malnovaj kaj novaj amikecoj, kiuj faras ĉiam neforgeseblaj la kongresojn, pri la dumkongresaj ekskursoj kiuj donis al ni belegajn memorojn kaj travivaĵojn, pri la teatraj vesperoj kaj la amuzaj programoj kiuj ege plaĉis al ni, ktp.

Ni povas konstati, ke la 78a Universala Kongreso de Esperanto bone sukcesis en Valencio.

István Gulyás
vicprezidanto de IFEF

**INTERNACIA FERVOJISTO 1993.5**
45a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
E Henning Olsen,
Åderupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 20.10.1993

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S

## Nordiaj Fervojistaj Kulturaj Tagoj

okazis 3an-5an de septembro 1993 en sindikata lernejo apud Helsingør (DK). Ĉ. 400 fervojistoj el Finnlando, Svedio, Norvegio kaj Danio prezentis siajn libertempajn okupojn, ĉu temas pri briĝo, muziko, kanto, folkloro, teatro, kolektado aŭ Esperanto.

La Esperanto-kunvenon ĉeestis 23, kaj inter ili eĉ tri kolegoj el Rumanio, kiu vizitis Danion ĝuste dum tiu tempo. Ok prelegoj pri fervojfakaj temoj konsistigis la trihoran programon, kiun partoprenis tri IFEF-estraranoj.

La temoj traktitaj estis: Norvegaj Ŝtatfervojoj (NSB), evoluplanoj, nova flughaveno apud Oslo kaj ties fervojkonekso, fervojtrafiko okaze de la Vintra Olimpiko. Pri la rumanaj fervojoj ĝenerale kaj pri prem-kneda terapio kiel preventa medicino. Nordiaj fervojoj kaj iliaj planoj rilate al konekso kun la kontinenta trafiksistemo, pri la nordselandaj fervojoj (pluraj estas 'privataj'). Fine pri organizaj malfacila]oj en Svedio pro dissplitiĝo de la tieaj fervojoj.

Bona aranĝo, kiu kune kun nova, moderna ekspozicieto kaj plurlingva – inkl esperanta – teksto sur filatela ekspozicio reliefigis Esperanton.

## Super-City trajnoj en Aŭstrio

Se vi vizitas Aŭstrion, vi povas renkonti kvinopon da komfortaj rapidtrajnoj, envicigitaj en kategorio Super-City. La trajnoj distingas sin per neordinara kvalito de la disponigataj servoj kaj haltas nur en gravaj komercaj centroj. Ili trafikas al urboj Graz, Klagenfurt, Linz, Salzburg, Villach kaj iuj aliaj. Ili prizorgas kaj garantias rapidan konekson de komercaj vojaĝantoj kaj entreprenistoj matene en direkto al ĉefurbo Vieno kaj antaŭvespere reen.

La trajno SC 966/967 "Wiener Philharmoniker" estas la plej rapida trajno de la aŭstriaj fervojoj. La linioparton Wien Westbf.-Linz, 190 km longa, ĝi trapasas dum unu horo kaj 34 minutoj. La tutan linion Wien-Innsbruck ĝi trapasas ankaŭ dum plej mallonga tempo – 4 horoj kaj 39 minutoj.

Nur je kelkaj minutoj malpli rapida estas trajno SC 968/969 "Wiener Symphoniker".

-JT-

## Slovakio

La 27an de novembro 1993 okazos en ŽILINA la regulara jarkunveno de Fervojista sekcio de IFEF.

Pliajn informojn ĉe inĝ Magdaléna Feifičová, TOM 25/5, Sk-01001 ŽILINA, Slovakio.